


# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 1 JANUARO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“. Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

Mi petas kolegojn ĉiulandajn, ke ili korespondadu kun mi pri la temo: Kion ni instruas en popollernejoj por infanoj de 11 ĝis 13 jaroj pri la geografio kaj historio de Nederlando? — Mi certe respondos pri la sama temo, rilatanta la landon de la korespondonto. Mi ŝatus ŝanĝi objektojn, lernejajn librojn, landkartojn ktp. P. Korte, lernejestro, **Drieborg** (Gron.), Nederlando.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

# 1930

# Aŭtoroj:

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 1
Januaro 1930

Oficiala organo deTutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.**
**Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.**
**Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,**
**Poŝtĉekkonto Dresden 110715.**



## Ĉu Esperantujo estas lando seneĥa?

Iam mi estis faranta festan paroladon sur la scenejo de granda teatro. La kurteno supreniĝis. La rigardejo estis tute mallumigita. Mi ne vidis iun ajn homon. Unuamomente pro tio ĝeniganta sento premis min. Iom post iom mi povis ekvidi kelkajn homvizaĝojn sur la antaŭaj sidlokoj. Mi nun eksentis animan kontakton kun la aŭskultantoj, kiu estas nepre necesa por efika parolado.

Komencinte antaŭ unu jaro, redakti la Internacian Pedagogian Revuon, mi metis la piedon sur landon, kie mi ne vidis (kaj vidas) nek aŭdis (kaj aŭdas) iun homon krom miaj saksaj laborkunuloj. Simila sento premis min kiel tiam en la mallumigita teatro. Ofte mi devis demandi min, ĉu Esperantujo estas lando senhoma.

Certe — Esperantujo estas lando maldense surloĝata, kaj nia gazeto vokas eĉ nur en la pedagogian provincon esperantujan, kiu estas ja ne spaca parto de la tuto, sed samtiel vasta kiel la tutaĵo, nur ankoraŭ multege pli maldense surloĝata. Kaj eble nur parteto de la malmultaj provincanoj havas emon por scienca okupado pri problemoj edukaj aŭ lingvistikaj, kaj ankaŭ ne ĉiuj el tiuj ŝatas mem skribi iun raporton, iun artikoleton.

Dum la tuta jaro vane mi esperis eĥon al mia redaktado; nur en Svedlando eĥis la voĉo de nia revuo. Do mi ne scias, ĉu la formo kaj enhavo de IPR al nia legantaro plaĉas aŭ ne. Ĉiama silento ne estas vera konsento. Kunlaboro necesas, kritikon mi bezonas. La fakto, ke nia abonintaro ekster Germanujo eĉ iom malkreskis, estas grava kritiko. Kion mi faru? Ĉu la nova programo venis tro frue?

Mi volas provi ankoraŭ unu jaron, evoluigi nian revuon al scienca pedagogia organo. Se silento daŭros, se kritiko restos muta, se nia legantaro ne pli bone kreskos, se mi ne trovos sufiĉajn kunlaborantojn: tiam mi devos ekkoni, ke mia laboro estas sensukcesa. Oni povas verki libron por estonta tempo, sed oni ne redaktas periodaĵon por estonta generacio.

Legantaro, permesu, ke mi detaligas mian peton! — Laŭ nia redakcia programo (vidu la numeron 1 de 1929) voĉoj de l' homaro preludu ĉiun numeron. Estus certe facile, traduki dekon da tekstoj el ĉiu nacio. Ĝis nun mi ricevis nenion tian.

Nia revuo enhavu en sia scienca parto unue artikolojn pri metodaj kaj lingvistikaj Esperanto-problemoj. Mi tre volonte publikigus traktaĵojn pri rekta metodo, pri rilatoj inter Esperanta, gepatrolingva kaj fremdnacilingva instruadoj, se ne mankus kunlaborantoj. Laŭ mia opinio estas dezirinde, ke lingvistoj pritraktas Esperanton, ĉar la nuna Esperanto-instruado bezonas lingvosciencan fundamenton. Ni faru per Esperanto lingvistikajn enketojn.

Laŭ nia redakcia programo due la scienca parto de IPR servigu Esperanton por pedagogio. Ĉiu valora traktaĵo pri pedagogia temo havu lokon en la rubriko: Pedagogio en Esperanto. Mi ĝojus, se reputacio de nia revuo estiĝos tiel bona, ke en IPR famaj pedagogoj lasos aperigi volonte tradukaĵojn de siaj artikoloj. Gekolegoj el la tuta mondo, bonvolu traduki valorajn verkojn de viaj scienculoj kaj sendi parton aŭ resumon kun scio de l' aŭtoro al la redaktejo. En tiu rubriko estas konvena loko, priskribi ĝeneralan staton de naciaj lernejoj, traduki novajn lernejoleĝojn kaj raporti pri novaj instruprogramoj.

Multajn kunlaborantojn ni bezonas por ellaborado de pedagogia terminologio. Tiu tasko okupigu tutan somero-universitaton esperantistan. Plue Esperanto estu aplikata por pedagogiaj enketoj — grand- aŭ malgranddimensie. Eĉ tre simpla demando povus havi valoran rezulton pro la eblo ricevi per Esperanto raportojn el ĉiuj landoj de la terglobo. Ŝatinda samideano proponis enketon je la demando: Kiel en via lando okazas kutime la unua lernejotago de plej junaj gelernantoj? Ĉu ne estus tre interese, se vi povus legi tiajn raportojn el multegaj landoj? Gekolegoj, bonvolu komenci per tio vian kunlaboron. Mi atendas multajn leterojn. Ankaŭ estus sciinde, se oni farus enketon pri la demando: Kiel en via lando la lerneja jaro estas dividata? Al tio en IPR aperos baldaŭ enkonduka artikolo. Multaj aliaj taskoj atendas prilaboradon.

Fine mi volas publikigi en la scienca parto artikolojn pri specialaj instrufakoj. Gekolegoj, priskribu en tiu rubriko novajn metodojn aŭ kritiku malnovajn.

La dua ĉefparto de nia revuo havu aktualan enhavon: informojn pri internaciaj instruistaj kaj edukaj asocioj kaj raportojn pri kongresoj de naciaj instruisto-unuiĝoj. Bedaŭrinde nur germanaj kolegoj raportis ĝis nun. Eble kelkiu pensis, ke iu alia faras raporton. Kiu tiel pensas, ĉiam eraras — almenaŭ en Esperantujo. Mi petas niajn agentojn de TAGE, zorgi por tiaj raportoj.

En la rubriko: Lernejo en publika kulturovivo — ĉiu povus priskribi okazaĵojn, kiuj montras rilatojn inter lernejo kaj politiko, ekonomio, eklezio, familio ktp. — Ni bezonas multajn mallongajn raportojn, kiuj sciigas nin, kiel

estas la stato de Esperanto-movado en la diversaj landoj. Tia materialo helpas nian propagandon.

Tre volonte mi aperigos referatojn pri pedagogiaj verkoj de internacia signifo. Por tio estas bezonataj kelkaj kapablaj kolegoj aŭ koleginoj, kiuj konas bone la pedagogian literaturon. Gekolegoj, kunigu vin kun fakuloj ne-esperantistaj por tiu celo. Kiu volas verki artikolon pri la pedagogia literaturo de 1920—30 en sia lando? Per tiaj raportoj nia revuo estiĝus vere internacia.

Gekolegoj, helpu liberigi min de la premanta sento, ke nia gazeto vokas en landon senehan. Faru ion, ke mi povas ekvidi iom da sukceso. Kritiku, kunlaboru, varbu kaj verku!

La redaktoro.

---

## Latvia lernejo dum pasintaj dek jaroj.

Laŭ raporto de la latvia Ministerio por Klerigo.

Ruinigitaj kaj malplenaj lernejaj konstruaĵoj, detruita lerneja inventaro, dissemitaj instruistoj, forpelitaj lernantoj, malluma estonteco, manko de laborplano kaj programo, senmastraj lernejoj, — jen la stato de de nia lernejo antaŭ dek jaroj.

En tiaj cirkonstancoj kune kun nia ŝtato naskiĝis ankaŭ nia nacionala lernejo kaj aliaj niaj klerigaj institucioj. Ilin fondis senlaca spirito de Latvia civitano kaj paŝon post paŝo aranĝis.

Por klerigaj bezonoj la ŝtato kaj komunumoj ĉiam trovis ṣufiĉe da rimedoj por kontentigi inklinojn de nia popolo al klerigo.

Latvia respubliko dum la unua jaro de sia ekzistado batalis kontraŭ aventuristo Bermonts kaj komunistoj, kaj tial Kleriga Ministerio povis komenci normalan laboron nur en julio 1919 depost kiam la registaro transloĝiĝis en Riga. En la sama tempo, julio 1919, fondiĝis ankaŭ Lerneja Departamento.

Kiel unuaj paŝoj de la deviga lernejo estis organizo de fundamentaj lernejoj en la jaro 1918 kune kun la fondiĝo de Klerigministerio, sed la ĵus-komencitan laboron interrompis la komunista invado, kaj tial, kiel la daton de la fondiĝo de nia nacionala lernejo, oni alrigardas julion 1919.

En la sama jaro oni fondis la rajonojn de fundamentlernejaj inspektoroj, ellaboris la unuan projekton de fundamentlerneja programo, finreelektis la instruistojn kaj donis konsilojn pri renovigo de lernejaj konstruaĵoj.

Post la konfirmo de la leĝo pri Latviaj klerigaj institucioj 1919, 8. VII., la organiza laboro de lernejoj estas farita laŭ ĉi tiu leĝo. Renovigo de lernejaj konstruaĵoj, donacado de tero al lernejoj, finordigo de fundamentaj kaj elementaj lernejoj, konfirmo de la salajro kaj klero de instruistoj, — ĉi tiuj kaj similaj laboroj daŭris dum la pasintaj dek jaroj kaj ankoraŭ nun ne estas finitaj.

La kresko de la nombro de lernejoj estas jena: en 1919/20 lernojaro estis 1053 fundamentaj latvaj lernejoj kun 2580 instruistoj kaj 90 698 lernantoj, sed en 1928/29 estis 1410 latvaj fundamentaj lernejoj kun 5082 instruistoj kaj 112 935 lernantoj, ceteraj nacioj malpligrandaj havis en 1920. lernojaro 212

fundamentajn lernejojn kun 1156 instruistoj kaj 27 503 lernantoj, sed dum 1928/29 lernojaro 521 fundamentajn lernejojn kun 2518 instruistoj kaj 44 875 lernantoj. Dum unuaj jaroj de ekzistado de nia ŝtato oni devis prepari instruistojn, pro manko de specialaj lernejoj, en diversaj kursoj. Similaj kursoj estis arangataj de 1919—1926. Depost 1926 novaj instruistoj estas preparataj nur en instruistaj institutoj.

Vizitado de lernejoj estas deviga en la aĝo de 8—14 jaroj, sed ĝis nun tion efektivigi oni ne sukcesis. Statistiko montras, ke tie, kie popolklero estas pli alta, pligrandiĝas ankaŭ la procentaro de la infanoj, kiuj vizitas lernejojn. La instruadon malhelpas granda nombro de lernantoj, kiuj venas en lernejojn malfrue post la komenco de la lernojaro kaj foriras el lernejo jam antaŭ Pasko, arbitre mallongigante la lernojaron je unu triono kaj eĉ pli multe.

Kiel realiĝas la deviga instruado en Latvio, montras ĉi tiu tabelo: en Riga en 1925 el ĉiuj 1000 infanoj 8—14-jaraj lernejon vizitis 898 infanoj, en Vidzeme 795, Kurzeme 765, Zemgale 746 kaj Latgale 452. Fundamentajn lernejojn finis en 1920/21 jaro 2056, sed en 1927/28 jaro 9085, t. e.: la nombro 4-obliĝis.

M e z l e r n e j o j. Agantoj de latvaj lernejoj ne kontentiĝis nur fondante kaj aranĝante fundamentajn lernejojn, ili malfermis kaj organizis ankaŭ siajn individuajn mezlernejojn. En komenco la situacio estis tre malfacila. Estintaj konstruaĵoj lernejaj estis detruitaj kaj ruinigitaj, lerneja inventaro forrabita, disrompita kaj bruligita. Neniigitaj kaj en multaj lokoj barbarece detruitaj estis ankaŭ lerniloj kaj lernejaj bibliotekoj. Tre sentema estis la manko de instruistoj por mezlernejoj. Multaj instruistoj kun altlerneja klero troviĝis malproksime de sia patrolando en Ruslando, multaj dum mondmilit kaj revolucio pereis.

Tamen la popolo penis venki la malfacilaĵojn kaj la nombro de mezlernejoj rapide kreskas. Fondiĝas ŝtataj kaj privataj gimnazioj, real- kaj komerclernejoj en urboj kaj vilaĝoj. Ĝis 1. II. de 1920 estis jam 31 mezlernejoj kun la latva instrulingvo. La unuan ŝtatan mezlernejon oni malfermis aŭtune 1919 en Jekabpils. Tia estis la komenco. Nun ni vidas rezultojn. Sukcesojn de mezlernejoj plej bone ilustras la aktoj: en 1927/28 lernojaro ŝtato subtenis 25 (en 1919/20 — 10) mezlernejojn, komunumaj kaj privataj personoj 28 (1919/20 — 36). En preparaj klasoj mezlernejaj 1927/28 lernis 828 (1919/20 — 145), sed dum 1920/21 — 4514, (kiu estas la plej alta nombro por ĉi tiuj klasoj) lernantoj; en mezlernejaj klasoj — 9757 (1919/20 — 4405, la plej granda nombro estis en 1926/27 — 10 131) lernantoj; el ili 4513 knaboj kaj 5244 knabinoj. Entute lernantoj estis en la jaro 1927/28 — 10 585 (1919/20 — 4550;) Instruistoj estis 1022 (1919/20 — 398), el ili 637 (1919/20 — 224) viroj kaj 385 (1919/20 — 174) virinoj. La kurson finis en latvaj mezlernejoj 1921/22 — 1222 gelernantoj (529 knaboj kaj 693 knabinoj) 1922/23 — 1444, 1923/24 — 1581, 1924/25 — 1678, 1925/26 — 1773, 1926/27 — 1797 kaj 1927/28 — 1614 (765 knaboj kaj 848 knabinoj).

La bezonoj mezlernejaj estas kontentigataj laŭ kongresaj kaj konferencaj decidoj de mezlernejaj agantoj, sed precipe laŭ direktivoj de direktoroj mezlernejaj. La daŭro de instruado en fundamentaj lernejoj, instruplanoj, programoj, lingvaj demandoj, ekzamenoj, interna vivo lerneja, instruista klero, salajrigo, informoj ktp. estas la ĉefaj demandoj, pri kiuj okupis sin instruistoj.

Ministerio penis solvi ĉi tiujn demandojn. Dum la lastaj jaroj, kiam la vivo iĝis normala, la ŝtato povis pli multe fari por lernejoj. Novaj lernejdomoj estis konstruataj en Tukums 1925, Ludza kaj Rezekne 1926, Madona 1927, Valka kaj Agluna 1929.

Faklernejoj. En komenco malsuperaj faklernejoj estis kvarklasaj kaj baziĝis sur unuarangaj fundamentaj lernejoj. Teknikumoj, komercaj lernejoj kaj instruistaj seminarioj havis kvarjaran kurson kaj baziĝis sur duagradaj fundamentaj lernejoj. Por plibonigi niajn faklernejojn, trovi kaj forigi iliajn mankojn, pristudi instruplanon kaj programan demandojn, akordigi la agadon de ŝtataj, komunumaj kaj privataj faklernejoj, ĉiujare Lerneja Departamento kunvokis kunvenon de eninteresigitaj lernejaj agantoj, kiuj tre vigle agadis dum 1922—1923 jaroj. Dum ĉi tiuj kunvenoj oni venis al la konkludo, ke malsuperaj faklernejoj estas tro teoriaj, ke en metiejoj kaj laboratorioj la membro de instruhoroj estas tro malgranda, ke la kvarklasa modelo de malsuperaj faklernejoj ne taŭgas por ni kaj pli rekomendinde estas aliformigi ilin je triklasaj malsuperaj faklernejoj, akceptante en ili lernantojn kun plena 6-klasa fundamentlerneja klero. Depost la 1923/24 lernojaro oni komencas iom post iom aliformigi ilin je 3-jara kaj finas la reformon en 1925/26. En la nova instruplano oni pli severe atentas la praktikon en metiejoj kaj laboratorioj, laborante anstataŭ 4 horoj 16—24 horojn semajne. Krom tio la somera praktiko en entreprenoj kaj oficejoj restas deviga kiel antaŭe. La aranĝo de metiejoj kaj laboratorioj lernejaj postulas multe da rimedoj, iom post iom sukcesas finordigi ankaŭ ĉi tiun ĉefan demandon. Por subteni malriĉajn faklernejajn lernantojn kaj veki en ili pli grandan intereson por praktika flanko, la ministerio ellaboris regularon, en kiu oni antaŭvidis, kiel dividi la puran profiton de metiejoj: 10% por laboriloj, 10% por specialaj rimedoj de la lernejo, 25% al laborgvidanto kaj 55% al lernantoj.

Instruistaj seminarioj poste estas reorganizitaj en instruistaj institutoj kun 5-jara kurso kaj en 1929 kun 6-jara kurso.

La jura kaj materiala stato de instruistoj faklernejaj estas plibonigata paralele kune kun la klera kaj salajriga aferoj de mezlernejaj instruistoj.

La staton de faklernejoj kaj ilian reorganizon ilustras jena tabelo:

En

| | | |
|---|---|---|
| 1927/28 lernojaro estis 5 instruistaj institutoj | kun 41 klasoj kaj 1386 | lernantoj; |
| 1920/21 lernojaro estis 2 instruistaj seminarioj | kun 4 klasoj kaj 89 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 3 teknikumoj | kun 49 klasoj kaj 1242 | lernantoj; |
| 1919/20 lernojaro estis 1 teknikumo | kun 5 klasoj kaj 165 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 7 komercaj lernejoj | kun 41 klasoj kaj 1324 | lernantoj; |
| 1919/20 lernojaro estis 3 komercaj lernejoj | kun 7 klasoj kaj 783 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 14 malsup. faklernejoj | kun 96 klasoj kaj 2240 | lernantoj; |
| 1919/20 lernojaro estis 2 malsup. faklernejoj | kun 6 klasoj kaj 180 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 5 specialaj lernejoj | kun 19 klasoj kaj 659 | lernantoj; |
| 1923/24 lernojaro estis 5 specialaj lernejoj | kun 19 klasoj kaj 622 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 172 diversaj kursoj | kun 11741 | lernantoj; |
| 1920/21 lernojaro estis 41 diversaj kursoj | kun 2701 | lernantoj; |
| 1927/28 lernojaro estis 4 manlaboraj metiejoj | | |
| 1919/20 lernojaro estis 1 manlabora metiejo | | |

Entute la nombro de lernantoj en faklernejoj, nekalkulante kursojn kaj studiojn, en la jaro 1928/29 estis 8971, sed kune kun faklernejoj de aliaj ministerioj 11 403.

En 1927/28 finis la faklernejojn (1923/24 absolvis la lernejojn:): instruistajn institutojn 390 (95), teknikumojn 195 (107), komercajn lernejojn 162 (85), specialajn lernejojn 55 (27), malsuperajn faklernejojn 320 (57) personoj.

Ceteraj nacioj fondis siajn klerfakojn laŭ la leĝo de 8. XII. 1919.

Germana klerfako komencis sian agadon 1. I. 1920. Ĉe la administra fako ekzistas germana konsilantaro lerneja. Dum la jaroj 1919. 24. X. ĝis 1920. 23. III. la fako ellaboris la programojn por germanaj fundamenta? kaj mezlernejoj, kiuj validas ankoraŭ nun. Por preparo de instruistoj oni fondis Germanan pedagogian Instituton.

La germana fako havis en 1927/28 jenajn klerigajn instituciojn: 23 infanĝardenojn kun 521 lernantoj, 66 fundamentajn lernejojn kun 8648 lernantoj. 10 mezlernejojn kun 1851 lernantoj, 3 faklernejojn kun 315 lernantoj, 1 metilernejon kun 70 lernantoj, 2 perfektigajn lernejojn kun 98 lernantoj, 4 frebellernejojn kaj seminariojn por infanĝardenaj instruistoj kun 34 lernantinoj, 1 komercan perfektigan klason kun 7 lernantoj kaj pedagogian instituton kun 34 lernantoj.

Rusa klerfako fondiĝis en januaro 1920. Dum sia agado oni solvis jenajn problemojn: 1. reformigo de rusaj fundamentaj, mez- kaj faklernejoj, 2. kontrolo de lerneja agado, 3. plibonigo de lerneja materiala kaj jura stato kaj ankaŭ de la klero, 4. preparado de sperta instruistaro por rusaj fundamentaj lernejoj, 5. materiala kaj morala helpo al rusaj kulturaj institucioj.

En 1927/28 lernojaro rusoj havis 226 (1919/20 — 127) fundamentajn lernejojn kun 673 (1919/20 — 362) instruistoj kaj 16631 (1919/20 — 11 842) lernantoj, 11 (1919/20 — 12) mezlernejojn kun 176 (1919/20 — 176) instruistoj kaj 1885 (1919/20 — 1214) lernantoj, 8 faklernejojn kun 76 instruistoj kaj 312 lernantoj. Fundamentajn lernejojn finis en 1919/20 — 125, sed en 1927/28 — 384 lernantoj; mezlernejojn finis en 1919/20 — 235 kaj en 1927/28 — 372 lernantoj.

Hebrea klerfako fondiĝis en decembro 1919. Jen la statistiko pri la progreso de la hebrea lernejo: en jaro 1919/20 estis 21 hebreaj fundamentaj lernejoj kun 85 instruistoj kaj 4157 lernantoj kaj en 1927/28 — 83 fundamentaj lernejoj kun 593 instruistoj kaj 10 192 lernantoj. El la 83 lernejoj estis 29 privataj kaj 54 subtenataj de komunumoj. En 1919/20 estis 4 hebreaj mezlernejoj (1 komunuma kaj 3 privataj) kun 92 instruistoj kaj 599 lernantoj; en 1927/28 estis 19 mezlernejoj (2 ŝtataj, 6 komunumaj kaj 11 privataj) kun 311 instruistoj kaj 2179 lernantoj.

Polan klerfakon oni devis organizi denove, ĉar antaŭ la milito sur nuna Latvia teritorio ekzistis nur 2—3 polaj lernejoj. Nun la stato de la polaj lernejoj estas jena: en 1921/22 lernojaro estis 27 polaj fundamentaj lernejoj kun 5366 lernantoj, sed en 1927/28 — 34 polaj fundamentaj lernejoj kun 4382 lernantoj; en 1921/22 estis 3 polaj mezlernejoj kun 90 lernantoj, sed en

1927/28 — 3 polaj mezlernejoj kun 337 lernantoj; krom tio ekzistis 1 pola faklernejo kun 38 lernantoj.

B l a n k o r u s a f a k o fondiĝis 18. X. 1921. Dum la unua agadjaro oni malfermis blankorusajn komenclernejojn en distriktoj de Daugavpils kaj Ludza kaj kursojn por preparado de instruistoj. La instruistajn somerajn kursojn oni reorganizis je konstantaj 2-jaraj instruistaj kursoj. En 1928 en Latvio ekzistis jenaj klerigaj institucioj: 1. subtenata de ŝtato blankorusa mezlernejo kun 20 instruistoj kaj 86 lernantoj. Ĉe la mezlernejo ekzistas internato por 40 lernantoj kaj estas aranĝitaj metiejoj por lignaĵistoj, seruristoj, tajloroj kaj teksistoj, 2. subtenataj de ŝtato 2-jaraj instruistaj kursoj en Riga kun 13 instruistoj kaj 20 aŭskultantoj, 3. 5 sesklasaj fundamentlernejoj kaj 22 duarangaj fundamentlernejoj, 4. 2 perfektigaj lernejoj por plenaĝuloj. En la fundamentaj lernejoj estas 80 instruistoj kaj 2180 lernantoj. Unu blankorusa fundamentlernejo ekzistas por 2187 blankorusaj enloĝantoj.

K o m p a r a j i n f o r m o j pri klerigaj institucioj. Laŭ la informoj pri klerigaj institucioj kaj la 1925-jara rezulto de popolkalkulado ni povas konstati, ke rilate lernejvizitadon en Latvio la unuan lokon latvoj ne okupas. La plej objektiva mezurilo de la klero estas ne la nombro de lernejoj kaj instruistoj, sed la nombro de lernantoj, prenita proporcie al la nombro de la koncerna popolo. Se ni prenos kiel fundamenton la nombron de la lernantoj el unu milo de la koncerna popolo, ni ricevas jenajn informojn pri 1928 jaro: en fundamentaj lernejoj latvoj okupis la 5-an lokon, en mezlernejoj la 4-an, en faklernejoj la 2-an, en universitato la 3-an, en konservatorio la 5-an kaj en akademio la 2-an lokon.

El ĉiu milo de koncerna popolo en 1928 germanoj havis: en fundamentaj lernejoj 121 lernantojn (1-a loko), hebreoj 106,7, rusoj 86, poloj 86, latvoj 83,5 (5-a loko) kaj blankorusoj 57,4 lernantojn. En mezlernejoj havis: germanoj 26 (1-a loko), hebreoj 23, rusoj 9,7, latvoj 7,8 (4-a loko), poloj 6,6 kaj blankorusoj 2,3 lernantojn. En faklernejoj (kun pedagogiaj klerigaj institucioj): germanoj 6,4 (1-a loko), latvoj 5 (2-a loko), hebreoj 4,3, poloj 1,9, rusoj 1,6 kaj blankorusoj preskaŭ 1 lernanton.

Dum ĉi tiu mallonga tempo Latvia respubliko faris grandan klerigan laboron, kaj konsiderindajn rezultojn oni povas konstati en ĉiuj klerfakoj. Sed estas multaj taskoj kaj multe da laboro por efektivigi la devigan lernadon. instali lernejajn ejojn, perfektigi instruadon, pligrandigi la nombron de lernejoj, plibonigi la higienan staton de internatoj, prepari novajn instruistojn, perfektigi edukad- kaj instrumetodojn ktp.

Al ĉi tiu komuna laboro Klerministerio invitas ĉiujn civitanojn, instruistojn kaj instruistinojn, gepatrojn kaj ŝtatajn salajrulojn. Ni laboru manon en mano por la grava eduka laboro kaj efektivigu ĉiu siajn taskojn, kiel veraj konsciaj civitanoj de Latvia respubliko.

---

# Pri slojdo en la popollernejoj de Stockholm.

De Ellen Friberg, Stockholm.

Slojdo (= eduka manlaboro) estas malnova fako en la svedaj lernejoj. Nuntempe ĉiuj gelernantoj ĝenerale estas instruitaj en ĉi tiu temo.

En Stockholm la infanoj komencas la lernejon, kiam ili estas sepjaraj, kaj ili estas instruataj dum 7—8 jaroj. Slojdo estas deviga de la komenco. Dum la unuaj du lernej-jaroj 2 horoj ĉiusemajne estas uzataj por slojda instruado kaj en la restantaj jaroj 4 horoj.

La unuajn tri jarojn la slojdinstruado estas komuna por knaboj kaj knabinoj. Ĉiuj kudras. Ili komencas per simplaj objektoj, metodikaj sed utilaj: ili faras malgrandajn tukojn kaj saketojn, randrefaldas man-viŝilojn, naztukojn ktp. Dum la tria jaro ili kudras tiel komplikitajn modelojn kiel tornistrojn kaj svedajn flagojn. Kompreneble ili ankaŭ alkudras butonojn, riparas ŝtrumpojn ktp. La instruistino instruas kun la celo, ke la gelernantoj povu sin mem helpi.

Dum sekvantaj lernejjaroj la knabinoj ricevas multe da instruado en virina slojdo. Ili kudras diversajn subvestojn kaj robojn, trikadas aŭ kroĉtrikadas gantojn, sportŝtrumpojn, gimnastikvestojn kaj jakojn ktp., riparas vestojn kaj faras ĉiajn ornamajn objektojn. Ekipaĵaro por suĉinfanoj estas farata de ĉiu lernantino. Kompreneble ili lernas uzi kudromaŝinon kaj zorgi pri tiu. En ĉiu knabina slojdĉambro estas multaj maŝinoj. Materialoj estas distribuataj senpage. La pretigitaj objektoj apartenas al la farintinoj.

La knabojn oni instruas dum la lastaj kvin jaroj en tri specoj de slojdo: kartonslojdo, ligna slojdo kaj metalslojdo.

En Stockholm la lernantoj de la kvara klaso estas instruataj en kartonslojdo. Ili faras diversajn skatolojn, librokovrilojn, paperujojn ktp. Ili kovras la objektojn per paperoj, kiujn la knaboj kolorŝmiras per farungluo kaj farbo, aŭ ili ornamas ilin per siluetoj.

Dum la 5-a ĝis 8-a lernejjaroj la knaboj estas instruataj en lignoslojdo.

Lignoslojdo por knaboj kiel eduka temo en nia senco komencis en Finnlando sed sistemiĝis en Svedlando. Koncerne tion Otto Salomon, la fondinto de la Slojdseminario en Nääs, el la hejma manlaboro kaj per iloj de tiu kreis formalan, edukan rimedon por lerneja uzo. Ankoraŭ la pedagogia slojdo en Svedlando esence havas la formon, kiun Otto Salomon antaŭ 50 jaroj donis al ĝi.

La lernantoj komencas per tre simplaj modeloj, utilaj objektoj kaj ludiloj, sed ilia lerteco pligrandiĝas, kaj dum la lastaj jaroj ili faras sufiĉe malfacilajn, komplikitajn objektojn kiel ekz. seĝojn, diversajn tablojn, malgrandajn ŝrankojn, librobretarojn, belajn lamppiedojn ktp. (La metodika ordo de la instruado en tiu fako kaj diversaj modeloj montriĝas en pretigitaj lernolibroj tiuspecaj.)

Se knabo tion deziras, li havas la rajton anstataŭ la lignoslojdo elekti metalslojdon en la lastaj du klasoj. Tiam multaj knaboj fariĝas tiel kompetentaj, ke ili faras bonajn kaj belajn objektojn el fero, kupro aŭ latuno, k. e. skatolojn, kandelingojn, lamppiedojn, plafonlustrojn ktp.

Kaŭze de la granda eduka influo de la slojdo la instruado en tiu ĉi fako en Svedlando ordinare estas konfidita al la popolinstruistoj, nur escepte al

specialistoj aŭ metiistoj. En la pedagogiaj seminarioj la instruistkandidatoj prepariĝas por slojdinstruado. Sed la plej multaj el tiuj, kiuj instruas en slojdo, ankaŭ partoprenis en specialaj kursoj, somere aranĝataj en la Seminario en Nääs, kiu parte estas subtenata de la sveda ŝtato. Ankaŭ fremdlandanoj tie estas bonvenataj kiel lernantoj. (Adr.: Nääs, Floda, Svedlando.)

La celo de la eduka slojdo estas ne nur doni lertecon en diversaj manlaboroj. Metiolerteco estas donata en specialaj lernejoj post la popollernejo elementa. La esenca valoro de tiu instruado estas en la regiono de la edukado. Otto Salomon opiniis, ke la slojdo alkutimigas la animon kaj la amon al laboro ĝenerale, instruas respekton por korpa laboro, pliigas la memagemon, alkutimigas al ordemo kaj precizeco, laboremo kaj persistemo, pligrandigas la atenton, lertigas la okulojn kaj ampleksigas la senton por formo, instruas ĝenerale la praktikan senton kaj donas lertecon pri ĝusta uzado de laboriloj kaj por fari bonan ellaboraĵon. Ĝi devas eduki bonajn, konsciajn laboristojn en ĉiuj regionoj de la vivo.

---

## Novaj ideoj pri la fizika edukado en Svedlando.

De Gösta Ahlstrand, Älvkarleö, Svedlando.

Iu ŝerce diris, ke tri svedoj estas mondfamaj; Karlo XII, Selma Lagerlöf kaj — Arne Borg. La klera mondo certe konas pli multajn. Se oni volus fari liston kun ekzemple dekduo da nomoj de mondkonataj svedoj oni ne povus ne aldoni la nomon de Per Henrik Ling (1776—1839), „la patro de la sveda gimnastiko“, de tiu gimnastiksistemo, kiu nun faras sian triumfiron tra la tuta mondo. Per tiu donaco al la homaro Ling fariĝis popoledukisto grandstile, gvidanto al la granda celo: „Mens sana in corpore sano“.

Oni ankaŭ kutimas paroli pri aliaj gimnastiksistemoj krom la Linga, oni laŭdas la avantaĝojn de tiu aŭ de tiu ĉi, sed ĉiu informitulo certe tuj estas preta konsenti kun D-ro Bess Mensendiek, kiu en sia libro „Körperkultur der Frau“ (Virina korpa kulturo) diras: „En la tuta mondo ne ekzistas gimnastika sistemo, kiu ne per unu aŭ pluraj radikoj devenas el la Linga.“

En pli vasta kompreno la vorto gimnastiko kovras la ideojn tiel de „ordinara gimnastiko“ (= la artaĵaj korpekzerciĝoj) kiel ankaŭ de ludoj, dancludoj kaj sporto (= la naturaj korpekzerciĝoj) t. e. de ĉiuj moviĝoj, kiujn oni intence uzas por plifortigi kaj elkreskigi la homan korpon. Nepridubebla fakto estas, ke Ling mem kiel samvalorajn faktorojn konsideris kaj la naturajn kaj la artaĵajn formojn de moviĝo, sed ĉar li dum preskaŭ sia tuta vivo okupiĝis je sciencaj esploroj pri la influo de diversaj ekzerciĝoj al la malegalaj organoj de la homa korpo, li deviĝis unuarange sin dediĉi al la artaĵaj formoj, kiuj estas plej oportunaj por analiza esploro. De tio klariĝas, kial la tuta Linga gimnastik-pedagogia verkaro tre malmulte enhavas pri ludoj, atletiko kaj sporto. Eĉ ne li, la genia homo kun la fera diligento povis trovi tempon por ĉio. Tiamaniere fariĝis lia vivfaro — grandioza, giganta en si mem — iomete unuflanka. Tion li mem volonte rekonis kiel la unua: „Mi petas Dion, ke estontaj kuracistoj kaj edukistoj evoluigu kaj plibonigu tiujn miajn provojn!“

Pro la unuflankeco de la gimnastikteoriaj verkoj de Ling liaj posteuloj, la svedaj nuntempaj gimnastikpedagogoj dividiĝis en du skoloj: 1. la malnova skolo, „pli reĝa ol la reĝo mem“, plejgrandparte konsistanta el oficiroj, kiuj kvazaŭ iom de supre rigardas la naturajn formojn de moviĝo, kaj deklaras nur la artaĵajn formojn „vere Lingaj“; 2. la nova skolo, kiu juĝas tiel la gimnastikon (en limigita kompreno) kiel atletikon kaj sporton samvaloraj por la fizika edukado. La plej eminenta nov-skolano estas gimnastikdirektoro Einar Blomberg, Härnösand.

Antaŭ nelonge eldonis Blomberg gimnastikpedagogian verkon, „Gimnastika kompendio“. Ĝi estigis la plej grandan atenton ne nur inter svedaj geinstruistaj rondoj sed ankaŭ ĉe eksterlandaj fakuloj, kaj oni povas diri, ke ĝi, kvankam manlibro plej proksime por uzo ĉe la popollernejoj, pro siaj novspiritaj ideoj kreis novan epokon en la historio de la sveda fizika edukado. Kio do estas, demandas la verkinto, la granda celo de la porhigiena laboro de la lernejoj kaj de la libervolaj gimnastiksocietoj? Ĉu la bona korpa teniĝo? Ne. Rilate la individuan kaj gentan „batalon pri la vivo“ la rezulto dependas de la konstitucio de pulmoj kaj koro. Tial kiel moton por la gimnastika kaj sporta edukado oni povas starigi: „Malbona korpa teniĝo kun bonegaj koro kaj pulmoj estas preferinda antaŭ bona tia kun malsanaj koro kaj pulmoj.“ (Plej bone kompreneble estas bona teniĝo kun sanaj pulmoj kaj bona koro.) Jen konsekvencas, ke el fiziologia vidpunkto fortaj koro kaj pulmoj estas la plej grava celo de la edukado. Sed de tio ankaŭ sekvas, ke oni kiel eble plej multe okazigu gimnastikajn, sportajn kaj ludajn ekzerciĝojn eksterdome.

Se la moderna scienca koncepto koncerne la fortigan kaj vivigan influon de la suno kaj freŝa aero super la homa organismo kaj ĝiaj funkcioj pravas, tiaokaze estas fiziologia krimo praktiki gimnastikekzerciĝojn interdome, kiam la naturo onin allogas eksteren. Ludo kaj sporto estas la naturaj formoj por kontentigo de nia nepra bezono de korpekzercoj. La sano kaj forto de unu nacio fondiĝas sur la lud- kaj sportkampoj. Suno, freŝa aero, akvo, jen la plej bonaj sanigiloj. Uzu la gimnastikejon nur tiam, kiam la vetero malebligas restadon ekstere! Ek' al sporto, migradoj, terenkuradoj, skiado, naĝado, skolta kaj tendara vivo! Speciale grandan atenton dediĉas Blomberg al skiado, „la sporto de la sportoj“ kaj al naĝado, ambaŭ netakseblaj helpiloj por konservado de la sano kaj de la fizika elasto. Sed la t. n. „rekordfuriozon“ kaj „stelkulturon“ li energie kontraŭbatalas.

Konsiderinte la ĝeneralan koncepton de Blomberg pri fizika edukado, oni ne miras pro la cirkonstanco, ke li fariĝis la plej entuziasma antaŭbatalanto de la nudgimnastiko en Svedlando. Lernejaj knaboj sub lia gvido gimnastikas tute nudaj. Tamen, diras B. en sia kompendio, estas la demando pri nud- aŭ nenudgimnastiko en la lernejoj delikata, multloke malfacile solvebla. Ĉio dependas de la personeco de la instruisto. Sed verŝajne baldaŭ venos la tempo, kiam oni juĝos la nudgimnastikon la plej natura. Ankaŭ rilate ĝin veriĝos la konata eldiro de Schopenhauer: „Ĉiu problemo havas tri stadiojn de evoluo: En la unua ĝi ŝajnas mokinda, en la dua kontraŭbatalenda, en la tria evidente prava.“

Veran komprenon Blomberg posedas rilate la infanajn animojn; li montriĝas kiel infanpsikologo altranga. Al la infanoj li klopodas doni la plej bonon de tio, kion li mem ekzamenis kaj konstatis utila. La senkompare plej bona

komandovorto ekzistanta estas: „Faru kiel mi!“ Ĝia multofta apliko signifas la plej altan elpenseblan formon de edukado. La instruisto estu la ekzemplo kaj modelo de siaj lernantoj. — La novspiritaj ideoj de Blomberg evidente estros la svedan gimnastikinstruadon dum venontaj jaroj.

Tra tuta Svedlando ĝuste nun ekondas grandega intereso por la fizika edukado. Kiel eksponento por tiu intereso ĵus fondiĝis en Stokholmo unuiĝo, la „Gimna Asocio“ (gimna = etika-estetika) kiu penas kolekti la plej bonajn fortojn de la nacio tiel de sur la kampo de gimnastikpedagogio kiel ankaŭ de sur la kampo de scienco kaj arto. Einar Blomberg estas unu el la plej agemaj membroj kaj antaŭbatalantoj de tiu ĉi unuiĝo. La „Gimna Asocio“ nun proksimiĝis al la Esperanto-movado. Venontsomere ĝi aranĝos internacian gimnastikkurson en Stokholmo por instruistoj el la landoj ĉirkaŭ la Balta Maro. (Pli poste sekvos en tiu ĉi gazeto pli detalaj informoj pri tiu kurso.) Kiel komuna lingvo estas Esperanto uzota. Eble tiam doniĝos okazo por esperantistoj-gimnastoj persone interkonatiĝi kun Blomberg kaj liaj ideoj tuŝantaj la fizikan edukadon.

Antaŭ nelonge ekinteresiĝinta por nia lingvo direktoro Blomberg donis afablan permeson al Esperantigo de sia gimnastika manlibro. Instruistoj kaj gimnastoj inter la legantaro, kiuj eble interesiĝus pri sveda gimnastikpedagogia verko esperantigata, povus alskribi la verkinton de tiu ĉi artikolo.

---

## Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj.

**Ĉefkunveno, 9. Nov. 1929 en Zittau.**

La Esperanto-Asocio de Saksaj Instruistoj kiel plej forta nacia asocio en TAGE estas komisiita, eldoni kaj administri la gazeton IPR kaj gvidi la tutan organizon. Pro tio la saksa ĉefkunveno altiras la intereson de ĉiulandaj Esperanto-instruistoj.

La prezidanto de TAGE, kolego Neuzil, Olomouc--Ĉeĥoslovakio, en Budapest diris de la Saksa Asocio, ke ĝi estas modelo de Esperanto-asocio. La lasta ĉefkunveno denove estis pruvo por tio. Kiom grava nia asocio estas konsiderata de aliaj Esperanto-asocioj, montriĝas el tio, ke la prezidantoj de la Saksa Ligo, de la Germana Esp.-Asocio, reprezentantoj de UEA kaj ICK kaj la direktoro de la germana Esperanto-instituto transdonis salutojn al la kunveno. Ankaŭ la intima rilato al la Saksa Instruista Asocio bone estis videbla: La Saksa, la Dresdena kaj la Leipziga Instruistaj Asocioj sendis salutleterojn, ambaŭ saksaj fakgazetoj la unuan fojon sendis raportantojn!

La prezidanto, kolego Hahn, en sia jarraporto komparis la decidon de la Germana Instruista Asocio, akceli la Esperanto-movadon en instruistaro kaj lernejo, kun la tempo, kiam 1908 estis fondita la saksa instruista Esperanto-movado kaj kiam la unuaj pioniroj devis serĉi la indulgon de la instruistaro. Kiu granda evoluo dum la 20 jaroj! En la pasinta jaro la saksa ministerio aranĝis 4 Esperanto-kursojn por instruistoj (en la distriktoj Freiberg, Dresden II, Döbeln kaj Leipzig II). Por 12 pliaj instruistaj kursoj ĝi elspezis 500 gm kaj ankaŭ promesis monon por la kursoj en la nuna vintro. Ankaŭ la Saksa Instruista Asocio afable subtenis la laborojn de la Esperanto-fako. Ĝiaj subvencioj altiĝis de 35 gm, 75 gm, 150 gm ĝis 300 gm en la pasinta jaro. Krom tio ĝi donis 100 gm por delego de estrarano al Budapest.

Ambaŭ fakgazetoj regule aperigis notojn, ankaŭ artikolojn pri nia movado. En la Pedagogia Instituto Dresden Esperanto estas instruata. 7 docentoj estas membroj de nia asocio! (grava sukceso de nia redaktoro D-ro Riedel!) La asocio denove kreskis, de 326 ĝis 380 membroj! (Por ĉiu membro la abono al IPR estas deviga! Pripensu, gesamideanoj el la aliaj landoj!) Gravan meriton pri tiu progreso havas la prezidanto sekve de sia vigla kaj trafa propagandlaboro. Li estis petata, helpi al plia kresko de nia asocio per daŭrigo de sia ofico.

Prof. D-ro Dietterle raportis pri „Niaj rilatoj al eksterlando". La saksa asocio estas reprezentita en „Kunlaborado por IALA". Nia statistiko pri Esperanto en saksaj lernejoj grave efikis en IALA. Unuafoje la lernejoj kun Esp.-instruo kaj la Esp.-instruistoj statistike per tiu „Kunlaborado" povis esti kolektataj (718 lernejoj en 38 landoj, 4568 instruistoj en 51 landoj). Per testoj, ellaboritaj de la Instituto J. J. Rousseau-Ĝenevo, oni esploras en la lernejaj kursoj la lerneblecon de Esperanto. En la pedagogiaj kongresoj Ĝenevo kaj Helsingör kunlaboris aktive la saksaj membroj por prezenti al la internacia kolegaro la grandan utilon de Esperanto por internacia interrilatado. Kvankam denove en Ĝenevo kaj Helsingör klare montriĝis, ke internacia kongreso sen Esperanto renkontas nevenkeblajn malhelpojn, la koncernaj gvidantoj ne rapidas lerni la helplingvon. Ni mem per praktika apliko de Esperanto, per servo al gazetoj kaj per tutmonda korespondado devas pli kaj pli pruvi al ili la utilon de Esperanto.

D-ro Kurt Riedel parolis pri IPR. Nia gazeto devas servi al la internacia pedagogio. Pedagogoj el ĉiuj landoj povas multon sugesti, multon raporti unuj al la aliaj. En IPR ili trovas la eblon, diri siajn ideojn al tutmonda kolegaro. Por pedagogio la tempo de internacia interŝanĝo devus esti matura. Pedagogio ekestiĝu mondvasta. En ĉiu lando estu almenaŭ unu kunlaboranto, kiu helpu per informoj, tradukoj aŭ raportoj efektivigi tiun universalan celon. Speciale en malgrandaj lingvaj regionoj granda pedagogia laboro estas farata, kiu tute ne atingas — pro lingvaj kaŭzoj — la orelon de la tutmonda publiko. Kvankam la grandaj fakgazetoj klopodas raporti pri tiuj laboroj, tamen por la malpli konataj lingvoj ne estas eble, ekz. la ne malgrava pola pedagogia literaturo preskaŭ ne estas konata. Programoj, temoj de grandaj internaciaj pedagogiaj kongresoj kaj asocioj en IPR estu diskutataj. Pri la laboroj de la naciaj instruistaj asocioj, pri Esperanto en lernejo, pri pedagogiaj verkoj, pri lingvo-sciencaj aferoj IPR raportu. D-ro Riedel bedaŭras, ke la vasta programo ne jam trovis la internacian eĥon, kiu estas bezonata por ĝia efektivigo. Do la afabla kunlaboro de la kolegoj el ĉiuj landoj estas nepre necesa. Danĝeron por sia laboro D-ro Riedel vidas en la politika dispartigo de la Esperanto-instruistoj. Li deziras, ke la TAGE-anoj montru similan aktivecon kiel la kunlaborantoj de la Nova Epoko kaj de la TEPS-Informilo. Ĉiu kolego en sia eksterlanda korespondado varbu por IPR kaj speciale petu la kunlaboron de la eksterlandaj gekolegoj. Sen tiu tutmonda kunlaboro li opinias 10 jarojn tro frua la entreprenon, al kiu li dediĉas sian laboron. La ĉeestantoj sentis la grandecon de la tasko. Laŭ propono Dietterle la kunveno decidas direkti specialan alvokon al la tutmonda kolegaro, organizi naciajn unuiĝojn kiel la Saksoj, aboni IPR kaj aktive kunlabori por ĝi. (La alvoko estas aperigita en n-ro 12, 1929 de IPR, pĝ. 141.)

Se sekretario de TAGE estis reelektata. La prezidanto de TAGE, kolego Neuzil, post 4-jara servo redonis sian oficon al TAGE. La Laborkomitato estis komisiata prepari la novelekton.

La kunveno esprimis sian dankon al la ministerio, al s-ano D-ro Kraner, kiu estas la peranto al la ministerio, al la

prezidanto k-o Hahn, al la redaktoro D-ro Riedel, al la Saksa Instruista Asocio kaj al la du saksaj instruistaj gazetoj. La tuta kunveno estis pruvo, ke Esperanto akiris en la saksa instruistaro bonan, preskaŭ oficialan postenon. Ambaŭ fakgazetoj detale raportis pri la ĉefkunveno. 11 novaj Esp.-kursoj por instruistoj por la vintro estas anoncitaj. Plia lernejinspektoro, konata decida lernejreformano, estas varbita. Ni ne forgesu, ke tiu favorega situacio ne kreskis el si mem, sed estas la rezulto de energia organiza laboro de oferemaj, sindonemaj kolegoj, farita jam dum kelkaj jaroj.

Tutmondaj gekolegoj, faru la saman en via lando! Konigu niajn sukcesojn al vialandaj samideanoj! Aperigu resumon en vialanda Esperanto-gazeto!

Aŭskultu kaj plenumu la alvokon de viaj saksaj samideanoj! Goldberg.

---

## Ĉe-kurso en Berlino.

En septembro ĉi-jara s-ro lerneja konsilisto Trögel faris paroladon pri la temo „Esperanto kaj popollernejo" finsonorigínte en la deziresprimon, ke ĉiuj aŭskultantoj iam ĉeestu kurson laŭ la metodo de P. A. Ĉe. Sekvante tiun instigon ni partoprenis la Ĉe-kurson de s-ro gimnazia profesoro Dyba, la unuan tian en Germanujo. En la nomo de ĉiuj geinstruistoj kaj de la aliaj aŭskultintoj, kiuj senescepte sekvis la kurson ĝisfine, mi deklaras, ke dum 20 horduoj ni konvinkiĝis pri la bonego de la Ĉe-metodo por lernado de ĉiutaga konversacio. Sen lernolibro, nur per rigardado, konversacio kaj ĥora parolado la celo estis atingata.

Kiu volas esti senpene kaj sukcese enkondukata en la mondhelplingvon favoratan ankaŭ de niaj estraroj kaj asocioj, tiu enlistigu sin ĉe s-ro gimn. prof. Dyba, Berlin-Niederschönhausen, la eminenta gvidanto de la kursoj, kiujn li rekomencos la 7-an kaj 9-an de Januaro 1930 je la 20-a en la Friedrich-Wilhelm-Gymnasium, Berlin, Kochstr. 13. Viziti la unuan lecionon estas senkoste. E. Lange.

## Etnografia enketo.

**La vojo de la fadenoj de ŝpinilo ĝis teksilo.**

Por plene kompreni la evoluon de la popola kulturo de unu lando oni devas kompare studi la etnografion de aliaj popoloj. Por la komparanta etnografio ĉiu popolo estas egale grava. La baro de la multlingveco do precipe por tiu scienco estas tre sentebla. Ankaŭ alia grava malhelpo estas, ke en multaj landoj, eĉ en Eŭropo oni ankoraŭ ne komencis studi la popolan kulturon sufiĉe multflanke.

La subskribintoj ekhavis la ideon, ke Esperanto kaj la Esperantistoj, ĉien disvastigitaj, tiakaze povus ludi tre belan rolon. Tial ni nun iniciatas eksperimenton, kies eventuala sukceso certe povos esti nova bona armilo en la arsenalo de la propagandistoj. Ni laboras en la fako por sveda etnografio de la „Nordiska Museet" (Norda Muzeo) en Stockholm, Svedlando, kaj ni nun studas kelkajn problemojn, kiuj rilatas al la popola teksarto. La faktojn necesajn por ilia prijuĝo ni kuraĝas peti kolekti por ni la samideanojn, kiuj havas intereson pri la popolaj kulturoj. Precipe la instruistoj en la vilaĝoj, ni pensas, trovos ĝojon en tia utiligo de ilia scio pri la internacia lingvo.

Pri la jenaj malnovaj iloj kaj metodoj ni deziras ricevi informojn kaj bildojn (kun la naciaj nomoj).

Kiel oni kolektis la fadenojn ŝpinitajn de sur la ŝpinilo (spindelo aŭ radŝpinilo)? Ĉu oni faris el ili bulojn aŭ faskojn? Kian ilon oni uzis por fari la fadenfaskojn? Peco de arbo kun du restantaj branĉetoj samdirektaj? Bastono kun transversaj lignopecoj ĉe la ekstremaĵoj? Faskigilo turnebla sur akso? — Ĉu oni alimaniere traktis la fadenojn, kiam oni estis kuntordonta du aŭ pli da ili?

Kiel oni aranĝis la fadenarojn por la teksado: 1. por vefto; 2. por varpo?

Varpigonte la fadenarojn, ĉu oni metis ilin sur specialan tenilon kaj spulis aŭ

bobenis la fadenojn? Kiel oni kondukis la fadenojn de la spuloj aŭ bobenegoj al la varpigilo? Kian varpigilon oni uzis? Branĉetoj sur arboj? Oni scias, ke en Rumanio oni varpigas helpe de arbobranĉoj kaj erpilo. Palisoj? En Hindujo oni enbatas palisojn en la teron, portas la fadenspulojn sur tenilo kaj malvolvas ilin ĉirkaŭ la palisojn. Lignonajloj en la muro? Kadro kun lignonajloj aŭ erpilo, starigita al la muro? Tiujn metodojn oni konas el Svedlando. Ĉu la varpigotaj fadenaroj tiakaze estis sur fiksa stablo aŭ ne? Lameno aŭ tablo kun lignonajloj? Tiun ilon oni konas el Anglujo, sed eble oni uzis ĝin nur por rubandoteksado. Fine: ĉu oni konas nur uzadon de rotacianta varpigilo?

Ĉiu kiu peros valoran sciigon, ankaŭ pri noto en malfacila lingvo en la scienca literaturo (traduku!), ricevos Esperantan libron: Strindberg, La konscienco riproĉas, aŭ Sinha: Sivaĝi (nova originala dramo de hinda Esperantisto). Vere bonegajn, detalajn informojn originalajn kun desegnaĵoj aŭ fotografaĵoj ni dece pagos. Cetere, ni volonte donos la dezirotajn informojn letere.

Se ni trovos sufiĉan aron da diverslandaj samideanoj en Eŭropo kaj en aliaj mondpartoj kun intereso pri etnografio, ni intencas daŭrigi la eksperimenton en pli granda amplekso kaj ellaboros por la interesuloj demandarojn por esplori vilaĝanajn teknikojn de domkonstruado kaj kutimojn ĉe buĉado.

O. Bannbers kaj S. O. Jansson,
Nordiska Museet, Stockholm 14.

---

# Recenzoj.

Volter (= Voltaire), Kandid aŭ la optimismo. Esperanta traduko de E. Lanti. Ilustroj de R. Bartelmes Leipzig 1929. Sennacieca Asocio Tutmonda 162 paĝ. Prezo: 1.70 RM. — Prave diras la tradukinto en la trafa antaŭparolo: Tiu filozofia rakonto estas ankoraŭ aktuala; ĉar maltoleremo, superstiĉemo, fanatikemo, kruelemo, trompemo, kiujn kontraŭbatalis Voltaire, regas ankaŭ en la nuntempa mondo. Sarkasme refutis Voltaire la aserton Leibniz-an, ke ĉio en la mondo staras kiel eble plej bone. La tradukinto konservas la formon de la franclingva originalo laŭeble; la leganto povas ĝui la spritajn parolturnojn. Malgraŭ forlaso de ĉiu sufikso, kiun Lanti opinias senutila, la frazoj estas tute klaraj. Mi gratulas la tradukinton.

S. Ŝabarin, Lerna Esperanta Krestomatio. 70 paĝ. Eldonejo CK. SEU., Moskvo, USSR. — Laŭdinda akompananto de la antaŭe recenzita lernolibro — bonstila, interesa, riĉenhava kaj klasbatala.

A. Degen.

---

# Pedagogia pledanto por Esperanto.

Ĝoje ni esperantistoj povas konstati, ke en pedagogiaj rondoj nia lingvo akiris jam bonan konsenton.

La profesoroj D-ro Alfred Grotjahn kaj D-ro Gustav Junge publikigis verkon „Modera lerneja reformo", en kiu i. a. estas trovebla jena alineo pri Esperanto (pĝ. 47, 48):

„Se oni volas komprenigi al la infanoj lingvologikon senpene, oni devas utiligi la elementojn de ekzakte konstruita artlingvo, kia jam ekzistas en la internacia helplingvo Esperanto.

La lernanto, kiu ĝin lernas, ekzercas per ĝi ankaŭ praktikan lingvologikon kaj ankoraŭ ĝuas la utilon, sen la scio de fremdaj lingvoj vivantaj sin komprenebligi en internacia interrilato.

Esperanto, kreita de la Varsovia kuracisto Zamenhof, ekzistas depost 1887, jam estas disvastigita en 80 landoj de la tero, kaj ekzistas 60 gazetoj kaj 6000 volumoj de literaturo.

Ĝi distingiĝas per ekzaktlogika konstruo kaj treege malmultaj reguloj, kiuj ne permesas anomalion. Se ni ne volas

kontentiĝi la bezonon de internacia lingvo per la angla lingvo, ne tolerebla pro nia sinestimo kaj malfacile komprenebla per Radio kaj telefono, ni ne povas fari alie, ol kiel eble plej baldaŭ ebligi la venkon de Esperanto. Ĝia disvastigo ankaŭ neniam malpliigus la valoron de la gepatra lingvo. Male. Kelkaj ĝin pli bone scipovus, se ili en la lernejo ne devus uzi tiom da tempo por la ekzercado de nesufiĉaj fragmentoj el tri aŭ kvar malnovaj kaj novaj lingvoj. Kiel malmultaj akademiaj intelektuloj ĝenerale ja povas ĝuste fonetike paroli sian gepatran lingvon, per ĝi publike paroladi kaj skribi presinde? Preskaŭ ne unu el cent. Tamen tio por ĉiu estus memkomprenebla kaj povus esti komprenebla, se la multegajn horojn, kiujn li devis uzi en la lernejo por fuŝado en greka, latina, franca aŭ angla lingvoj, li estus uzinta por la ekzercado de la gepatra lingvo.

Tio estus ebla, se oni enmetus en la instruplanon kiel solan devigan fremdlingvon la facile lerneblan Esperanton kaj ankaŭ samtempe al la lernanto prezentus la plej bonan enkondukon en la lingvologikon, kiu en ĉiuj tiel nomataj naturaj lingvoj laŭsperte ĉiam estas malklarigita de esceptoj, anomalioj, englitintaj eraroj, malkorektaĵoj kaj fiksitaj aŭdomankoj, kelkfoje ĝi estas preskaŭ superkreskita. La popollernejo ankaŭ jam antaŭeniris sur tiu ĉi vojo antaŭ la supera lernejo. Jam en 200 germanaj popollernejoj Esperanto estas instruata (laŭ enketoj por IALA nun 319)."

Etzold.

---

## TAGE plue kreskis.

En kiu grado la Esperanto-instruistoj de la diversaj landoj estas organizitaj en nia Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) kaj per tio subtenas la specialan propagandon de Esperanto en la instruistaj rondoj, tre interese dokumentas por 5 jaroj jena

**Tabelo de la abonantoj de Internacia Pedagogia Revuo**

| Lando: | Nombro de abonantoj: | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | **1929** | 1928 | 1927 | 1926 | 1925 |
| Argentina | **1** | 1 | — | 1 | 1 |
| Aŭstra | **11** | 18 | 6 | 3 | 1 |
| Belga | **2** | 4 | 2 | 7 | 6 |
| Brita | **12** | 15 | 8 | 11 | — |
| Bulgara | **10** | 20 | 16 | 9 | 10 |
| Ĉeĥoslovaka | **68** | 68 | 50 | 33 | 28 |
| Ĉina | **3** | — | — | 1 | 3 |
| Dana | **8** | 6 | 4 | 2 | 1 |
| Estona | **7** | 5 | 7 | 5 | 12 |
| Finnlanda | **8** | 5 | 3 | 2 | 2 |
| Franca | **8** | 10 | 11 | 15 | 28 |
| Greka | **2** | 1 | 1 | 1 | — |
| Hispana | **5** | 5 | 4 | — | — |
| Hungara | **3** | 7 | 1 | 6 | 4 |
| Itala | **1** | 1 | — | 2 | 5 |
| Japana | **8** | 7 | 7 | 6 | 4 |
| Java | **1** | 3 | 1 | 1 | — |
| Jugoslava | **11** | 6 | 5 | 3 | 2 |
| Kanada | — | — | 1 | 1 | 3 |
| Latva | **8** | 7 | 3 | 2 | 1 |
| Litova | **8** | 6 | 8 | 4 | 6 |
| Nederlanda | **7** | 14 | 6 | — | — |
| Norvega | — | — | — | 1 | 1 |
| Nov-Zelanda | **2** | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Pola | **24** | 15 | 10 | 9 | 11 |
| Portugala | **2** | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Palestina | — | — | — | 1 | 1 |
| Rumana | **3** | 1 | — | — | — |
| Rusa | **95** | 92 | 76 | 52 | 41 |
| Sveda | **31** | 46 | 13 | 3 | 2 |
| Svisa | **4** | 4 | 5 | 2 | 2 |
| Turka | **1** | 1 | — | — | — |
| Urugvaja | — | — | — | 2 | 2 |
| Usona | **6** | 5 | 1 | 1 | 2 |
| | **358** | 375 | 251 | 188 | 181 |
| Germana | **140** | 123 | 115 | 98 | 86 |
| Saksa | **380** | 302 | 264 | 225 | 240 |
| | 878 | 800 | 630 | 511 | 507 |

Tre ĝojiga estas la progreso de la saksa asocio, kiu fine de 1929 havis 380 membrojn. Kiel montras la raporto pri ĝia lasta ĉefkunveno (rig. paĝon 11!), la saksa asocio akiris bonan reputacion kaj preskaŭ oficialan rekonon

en la saksa instruistaro: La Saksa Instruista Asocio finance subtenis la Esperanto-fakon per 400 gm., la distriktaj asocioj aranĝis kursojn por instruistoj, ili sendis salutojn al la ĉefkunveno, la du saksaj instruistaj gazetoj estis reprezentitaj kaj aperigis detalajn kaj plene simpatiajn raportojn pri ĝi. La ministerio aranĝis instruistajn kursojn kaj finance subtenis aliajn distriktajn kursojn. Tiu bonega pozicio de Esperanto ne estas hazarda bonŝanco, sed la rezulto de kelkjara energia organiza laboro de la saksaj Esperanto-instruistoj. Ni povas supozi, ke aliaj landoj ankaŭ montros similajn fruktojn post organiziĝo de s i a j Esperanto-instruistoj. Kun la saksoj la Germana Asocio de Esperanto-Instruistoj nun ampleksas 520 membrojn! La plej granda sukceso de tiu asocio en 1929 estis la decido de la Germana Instruista Asocio (150 000 membroj!) en Dresden, a k c e l i l a E s p e r a n t o m o v a d o n e n l e r n e j o k a j i n s t r u i s t a r o !

La fakton, ke la germana sekcio de TAGE nombras pli ol la duonon de la tutmonda membraro, uzis la sekretario de la Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI, 500 000 membroj) Lapierre en Helsingör dum la Kongreso de la Mondligo por Nova Edukado, por esprimi sian dubon pri la internacieco de nia movado kaj moketi pri ĝi.

### Ĉu li estas prava?

Jes, se la Esperanto-instruistoj en la diversaj landoj ne ekkonos la necesecon, ankaŭ grupiĝi kaj aktive labori en naciaj asocioj kaj aliĝi al TAGE, t. e. aboni IPR. La nuna stato de TAGE, kiun montras nia tabelo en la diversaj landoj, tute ne estas kontentiga, kvankam ni ĉiam kaj ĉiam vokis kaj petis. La du urĝaj taskoj de la naciaj societoj estas: Kreskigi nian gazeton per novaj abonantoj, plivalorigi ĝin per alsendo de raportoj pri ĉefkunveno de via instruista asocio, pri pedagogia kaj instruista movado en via lando, pri novaj leĝoj, alsendo de tradukaĵoj de gravaj aŭ aktualaj artikoloj el vialanda fakgazetaro. Sen energia organizita streĉo de niaj fortoj ni ne povos konduki nian movadon al baldaŭa venko inter la instruistaro. En kelkaj landoj ni eĉ trovas bonegan situacion por nia agado:

En Anglujo la prezidanto de la Angla Instruista Asocio (NUT) akceptis la honoran prezidantecon de la Esperanto-fako en NUT. La venonta prezidanto, s-ino Manning, vizitis post la pedagogia kongreso en Ĝenevo la Esperanto-kongreson en Budapest kaj aperigis tre simpatian detalan raporton pri la kongreso en Budapest en la angla instruista gazeto The Schoolmaster. La estinta prezidanto de NUT, k-o Hill, vizitis 1928 la Esperanto-kongreson en Antverpeno, salutis la Esperanto-instruistaron kaj same aperigis plene konsentan raporton en The Schoolmaster. Per la TAGE-konferenco en Aŭgusto 1930 en Oxford ni intencas iom profiti el tiu simpatio de la gvidantoj de la angla instruistaro al Esperanto, kaj krom tio iom subteni la anglajn gekolegojn en la klopodo, plikreskigi la tre malgrandan infaneton de la angla instruista Esperanto-fako.

En Estonujo, Latvujo, Svedujo sekve de la lerta agado de kelkaj sindonaj propagandistoj inter la instruistaro ekestiĝis granda intereso por Esperanto. La sveda parlamento destinis grandan sumon por instruistaj Esperanto-kursoj. Rapide kreskis la nombro de la Esperanto-instruistoj en tiuj landoj. Nur nia tabelo pri abonantoj ne montras tion. Ĉu ne estus eble kolekti la plimulton de tiuj kolegoj en naciaj instruistaj Esperanto-asocioj kaj aligi ilin al TAGE? Tiam ni estos impona, agkapabla asocio. Kaj des pli facile kaj efike ni povos daŭrigi nian propagandon inter la internacia instruistaro, kiun ni jam faris 1929 en Bellinzona (konferenco de FIAI), en

Ĝenevo (internacia kongreso de Mondfederacio de Edukasocioj) kaj en Helsingör (kongreso de la Mondligo por Nova Eduko). Jam ni estas demanditaj de FIAI (pro eldono de instruista jarlibro):

**Kia estas via asocio?**

Nia laŭfakta respondo certe ne tre imponis al FIAI. Montriĝis fakto, ke malpropagandas Esperanton inter la instruistaro tiuj, kiuj ne apartenas al TAGE. Tial

ĉiam nia voko ripetiĝu:
Esperanto-instruistoj, kolektiĝu!

Goldberg.

## Nova prezo por IPR?

En 1927 nia gazeto havis amplekson de 108 paĝoj, en 1928 de 148 paĝoj kaj en 1929, de 168 paĝoj (inkluzive la 8-paĝa aldono pri Internacia Korespondado). Tiu pligrandigo de la amplekso ne nur konformas al la ĝojiga pligrandiĝo de nia abonantaro, sed eĉ superas ĝin je 25%. Kaj la programo de la redaktoro bezonas plian kreskon de la amplekso. Dezirinda estas aperigo de 10 kajeroj dumjare. La graveco de nia afero inter la internacia instruistaro kreskis, kiel pruvas la okazintaĵoj en 1929. Pli facile la pligrandaj taskoj povus esti plenumataj, se niaj financaj rimedoj estus pli abundaj. Tamen, por ne haltigi la kreskon de nia legantaro, ni ne volas proponi plialtigon de la abonprezo. Sed kiu konsideras tro modesta la prezon de 3 gm., kaj kiu deziras akceli la progreson de IPR, propravole pagu 4 gm., kiun sumon mi opinias pli konforma al la amplekso kaj al la graveco de IPR kaj al la servoj kaj sindonemo, per kiuj la gazetlaborantoj vivigas la gazeton. La germanaj abonantoj, kiuj volas pagi la pli altan sumon, do bonvolu sendi 5 gm. (4 gm. por IPR kaj 1 gm. por la germana asocio) El la rezulto de tiu peto ni ekkonos la volon kaj opinion de la plimulto el nia membraro pri la prezo de la gazeto. La oficiala tarifo por 1930 restas 3 gm. Goldberg.

## Akcioj.

kiuj validas kiel abonpago por IPR 1930: N-ro 2 Bennemann; 14 Liegel; 26 Truöl; 32 Helmholz; 35 Schmidt-Glienicke; 38 Sohrmann; 41 Losse; 44 Rudolph; 49 Kofler; 52 Bieg; 53 Reiss; 56 Hahn; 59 Schweizer; 65 Dressel; 67 Bruklis; 71 Oelsner, 3 gm.

Bonvolu konsenti, ke ni kalkulas la reston de via akcio en vian abonpagon por 1931, se vi ne deziras donaci ĝin al IPR. Pri viaj donacoj (ankaŭ de la tuta akcio) ni danke kvitancos en IPR.

Goldberg.

## Korespondo-Oficejo.

**D-ro Dietterle.**

Sub ĉi tiu titolo „Korespondo-Oficejo" mi esperas povi raporti ankoraŭ ofte en nia gazeto pri la nova entrepreno de „Kunlaborado", kiu celas aranĝi la internacian korespondadon inter niaj gekolegoj kaj niaj gelernantoj. Nia legantaro certe bezonos regulajn*) sciigojn rilate ĉi tiun entreprenon, unue por ke ĝi funkciu tute kontentige, poste, kiam ĝi funkcios, por raporti pri la rezultatoj; ili estos gravaj, kaj por niaj propraj lingvaj, psikologiaj kaj pedagogiaj esploroj, kaj por la propagando de nia Esperanto-afero antaŭ la publiko. Mi ankoraŭfoje, kiel en la Novembra

*) La sekretariino de Kunlaborado kaj mi treege bedaŭras, ke la lasta IPR-kajero n-ro 12, 1929, ne jam prezentis la 2-an aldonon kun novaj adresoj de tiuj, kiuj deziras korespondadi. Ni estis sendintaj la manuskriptan materialon ĝustatempe, sed pro miskomprenoj, kiujn mi ĉi tie ne esploru detale, la presado ne okazis.

numero 1929 de IPR, konstatu, ke IALA tre interesiĝas precipe pri la internacia korespondado de gelernantoj el ĉiuj landoj, kaj ke kompreneble same interesiĝas pri la korespondo-afero nia Laborkomisiono por TAGE.

En la sama momento, kiam oni klopodas aranĝi novan entreprenon, kiu postulas la kunlaboron de multaj — eĉ en plej diversaj landoj loĝantaj, grandparte ankoraŭ neorganizitaj — personoj, kompreneble ekestas multaj malhelpaĵoj, miskomprenoj, prokrastoj. Do, ankaŭ la afero de nia korespondo-oficejo ne tuj povas funkcii laŭ niaj deziro kaj programo.

Por la komenco nia legantaro povas fari nenion alian, ol helpi la organizadon de la nova entrepreno per aliĝo al ĝi, konsenti ĝin per sendo de adresoj, legi la liston, en kiu estas sciigataj adresoj de tiuj kolegoj, kiuj serĉas korespondantojn por si mem kaj por siaj lernantoj, kaj elekti el ili tiujn, kiuj ŝajnas esti konvenaj.

La elekto komence — ĉar la listo ankoraŭ ne estas longa — eble estas malfacila. Kelkaj eble ne tuj trovos taŭgan adreson. Oni atendas pliajn adresojn. Ili ankaŭ venos. Sed estas rekomendinde, atendi ne tro longe, por ke tiuj, kiuj anoncis sin, ne perdu la emon kaj kuraĝon al korespondado, kaj por ke ili ne estu seniluziigataj. Estas preferinde, komenci la korespondadon kun iu ajn, kiu anoncis sian adreson, ankaŭ se la kondiĉoj ne ŝajnas plenumi ĉiujn dezirojn. Estos ja poste tute facile, ŝanĝi la korespondantojn, se ne ĉio funkcios laŭdezire.

Eble kelkajn erarigis la demandsignoj, kiujn ni faris en nia unua aldono al IPR, en nia unua listo de korespondantoj. Ilia celo estis, atentigi la anoncintojn, ke estas dezirinde por ili mem, ke ili faru pli precizajn notojn en siaj anoncoj, por ke la situacio fariĝu tute klara. Cetere ili tute ne estas kulpaj, ĉar ili ankoraŭ ne konis la „Skemojn". (Estos ĉiam eble, aldoni kompletigajn notojn al la numero de ĉiu korespondanto.) Se iu ekz. en rubriko A aldonas al sia nomo nur la noton „instruisto", tio ne sufiĉas. La serĉantoj en la listo (sub A 2) volas scii, en kia speco de lernejo la koncerna kolego instruas. Oni ofte ankaŭ volas scii la aĝon de la kolego, (A 3). Same oni ankaŭ ŝatas, vidi jam el la listo, pri kiuj temoj la korespondado okazu (A 6). Multaj ne ŝatas la noton „pri iu ajn temo". Sed tia noto ĉiukaze estas preferinda al ellaso de respondo al A 6 ktp. —

Simile en la rubriko B nepre estas rekomendinde, ke oni sub 2 diru ion pri la speco de la koncerna lernejo, ke oni sub 3 diru ion pri la sekso kaj la nombro de gelernantoj, kiuj deziras korespondi. Ankaŭ ĉi tie sub 4 — ankoraŭ multe pli ol en rubriko A — estas sciinde, kiu estas la aĝo de la korespondontoj ktp. ktp. —

Ĉiuj kolegoj, kiuj bonvolos partopreni la laboron de nia korespondo-oficejo, estas tre kore kaj tre insiste petataj, uzi la de ĝi proponitan manieron de anoncoj (komp. en la 1-a listo tion, kio estas dirita en la „skemoj").

„Arbo ne falas de unu bato." Iom post iom certe ĉio en nia entrepreno ordiĝos tiel, ke oni komprenos, ke ju pli estas detalaj la anoncoj en siaj notoj, des pli facila estas la sukceso.

Tiaj aldonoj al IPR, kiajn vi trovis en n-ro 11, 1929 kaj hodiaŭ trovas en ĉi tiu numero 1, 1930, de nun regule okazos. Mi ĉi tie ne preterlasu, konstati, ke ili ankaŭ kostas monon, kaj ke ni ne kapablus eldoni ilin, se ne IALA subtenus nian Kunlaboradon. —

Bonvolu, karaj gekolegoj, kontroli niajn adreso-listojn kaj zorgi, por ke ili konatiĝu en la rondo de kolegoj kaj en la lernejoj, en kiuj oni instruas Esperanton. Se vi havas sugestojn, bonvolu sciigi ilin al mi. Multaj havas pli da ideoj, ol nur unu. Volonte mi akceptas bonajn konsilojn kaj taŭgajn sugestojn.

Kaj ne kontentiĝu, sendinte vian adreson. Se vi sur la vojo de nia oficejo ne estos ricevintaj korespondantojn, skribu: „Mi ĝis nun ne sukcesis havigi al mi, al miaj gelernantoj, korespondantojn.“ Tuj ni sciigos tion sub via numero. Sed anoncu ankaŭ: „Mi havas sufiĉe da korespondantoj por mi, por miaj gelernantoj“, por ke ni povu diri tion al la kolegaro. Mallonge dirite, sciigu nin pri ĉio, kio rilatas vian korespondadon.

Skribu al nia oficejo ne nur tion, kio rilatas vian laboron, sed ankaŭ ĉion, kio por la tuta korespondo-demando — ĉu ĝenerale, ĉu speciale — estas konsiderinda por la kolegoj kaj la infanoj korespondantaj. Ke eĉ simpla infano dum sia korespondado povas instigi al konsiderinda penso, tion mi povis konstati dum ekspozicio de Esperanto-korespondaĵoj en popola lernejo, pri kiu mi raportos je la fino. Tie infano, knabino de 12 jaroj, kunportis en la lernejon kajeron, en kiu ŝi estis skribinta la germanlingvajn tradukojn de Esperanto-korespondaĵoj ricevitaj. Tio instigis la instruiston, proponi similan agadon al ĉiuj infanoj de la klaso; ili nun kolektas tiajn tradukojn en unu, kaj la kopiojn de siaj propraj leteroj en alian kajeron. Oni povas lerni ĉie kaj de ĉiu.

Zamenhof iufoje diris, ke ni bezonas por nia laboro „paciencon, paciencon, paciencon!“ Tio valoras ankaŭ por nia entrepreno; cetere oni ne povas scii — ni esperu tion! — ĉu ĝi eble estos la komenco por granda, daŭra laboro, kiu ĉirkaŭligos multajn landojn. Ni ne tuj malesperu, se la progresoj venos iom malrapide.

Por pliampleksigi nian laboron, ni almetis la unuan liston de adresoj ne nur al IPR, sed sendis ĝin kun artikolo pri la korespondo-oficejo ankaŭ al ĉiuj lernejoj, pri kiuj ni scias, ke en ili Esperanto estas instruata. (Ĉe ĉi tiu okazo denove evidentiĝis, ke nesufiĉaj notoj rilate la adreson malhelpas, ĉar kelkaj sendaĵoj revenis: la adreso „popollernejo“, „komerca lernejo“ ne sufiĉis al la poŝto. Oni aldonu ĉe adresoj de lernejoj en latinaj literoj la nacilingvan nomon de la lernejo tute precize, kaj, se necese, ankaŭ la straton.) Ni sendos ĝin ankaŭ al ĉiuj niaj testo-kunlaborantoj kaj al aliaj kolegoj, pri kiuj ni el la ricevitaj demandaroj de l' jaro 1928 kaj pro aliaj kaŭzoj scias, ke ili bone laboras por Esperanto. Volonte ni sendos ĝin ankaŭ al personoj, kies adresojn oni sciigos al ni.

Pripensu, karaj gekolegoj, ke ĉio, kio progresigas la statistikan laboron de Kunlaborado, progresigas ankaŭ nian Esperanto-propagandon antaŭ la granda publiko. Do, mi ankaŭ multon esperas de bona kaj regula ordo en la laboro de la korespondo-oficejo, administrata de Kunlaborado: ĝi helpos ne nur nian propran korespondadon kaj tiun de niaj lernantoj, sed ankaŭ la ĝeneralan propagandon. Sen bona ordo nenio estos atingata. Zamenhof iam diris — mi citas momente nur laŭsence — ke li preferas cent novajn adeptojn seriozajn al kelkaj miloj da nekonfidindaj. Tio signifas por nia afero: 100 seriozaj, ordemaj korespondantaj instruistoj kaj klasoj estas preferindaj al kelkmiloj, kiuj

nur komencas kaj ne daŭrigados sian laboron laŭorde.

Kaj alifoje li diris, ke estas pli bone — ankaŭ ĉi tie mi citas nur laŭsence —, se en ĉiu el 10 landoj kelkaj malmultaj Esperantistoj laboras por nia afero, ol se nur en unu lando laboras miloj. Tio signifas por ni ne, ke ni ne faru intensan propagandon, ĉiu en sia lando — ni propagandu laŭforte! — sed ni samtempe zorgu, ke en aliaj landoj okazu simila progreso. Vi legis la alvokon de la „Saksa Instruistaro" en la Decembra numero 1929 de IPR. En Saksujo, inter la gekolegoj bonege organizitaj, ni evidente faras rimarkindajn progresojn. Momente komencas 9 novaj kursoj inter instruistoj, oficiale subtenataj de la ministerio. Similaj estas la progresoj en Svedujo kaj kelkaj najbaraj landoj, kie pastro Ĉe allogis novajn adeptojn el nia kolegaro. Sed por „internacia" korespondado ni bezonas multe pli da landoj. Pripensu la menciitan „alvokon" kaj agu laŭ ĝi ankaŭ por la celoj de nia korespondo-oficejo.

Kiom unu sola serioza kolego povas atingi per pacienco kaj laboro, tion mi vidis antaŭ kelkaj tagoj en la malgranda saksa loko Gröba apud Riesa. Tie vivas nia kolego E. Fickler. En la jaro 1928 li partoprenis en Riesa rondon da kolegoj, kiuj lernis Esperanton kaj post tre intensa, diligenta laboro faris la pedagogian Esperanto-ekzamenon ĉe la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. Antaŭ unu jaro, fine de 1928, li instigis siajn 29 gelernantojn, 13 knabojn kaj 16 knabinojn, al korespondado kun alilandaj infanoj. Ĝi komence estis diversmaniere malhelpata kaj ne volis funkcii tuj. Sed post unu jaro, kolego Fickler jam povis montri fakte imponan rezultaton en publika ekspozicio. La infanoj korespondis kun 17 landoj (Belgujo, Estonujo, Francujo, Jugoslavio, Litovio, Rusujo, Svisujo, Ĉeĥoslovakujo, Anglujo, Finnlando, Hollando, Latvujo, Rumanujo, Svedujo, Hispanujo, Hungarujo, Unuiĝintaj Ŝtatoj de Nordameriko). La ekspozicia materialo pleniĝis grandan salonon, en kiu oportune povas kunsidi 70 personoj. Ĝi ĉiurilate estis pruvo por la taŭgeco kaj la boneco de nia Esperanto-afero, kaj rilate la lingvon kaj rilate la animon de popola interfratiĝo. Ĉiu infano desegnis karton (almetitan al la materialo), en kiu ĝi montris per fadenoj la iron de siaj leteroj el Gröba en la tutan mondon. Granda karto montris la situacion por la tuta klaso. La bildoj kaj poŝtkartoj ricevitaj sufiĉis, por sur specialaj ekspoziciaj tabuloj doni sufiĉan ilustritan materialon pri la ĉefaj unuopaj landoj, en kiuj loĝas la fremdaj korespondantoj. Starante tie mi pensis: Kiom impona estus ekspozicio, kiu montrus la rezultatojn, se ĉiu lernejo, en kiu oni jam instruas Esperanton, agus laŭ tia bonega kaj interesa ekzemplo. Ni ja jam havas en nia kartoteko en 37 landoj 712 tiajn lernejojn (komp. la statistikon de Kunlaborado en IPR n-ro 11, 1929, paĝ. 136) — kaj ili certe estas nur parto, sendube ekzistas ankoraŭ aliaj.

Tia ekspozicio konvinkus niajn „internaciajn" pedagogiajn kongresojn, en kiuj oni nun nur balbutas 3—4 fremdajn lingvojn aŭ eĉ tute ne scipovas kaj komprenas ilin, en kiuj oni vane klopodas pri eksperimentoj, alproksimigi la infanojn el ĉiuj landoj. Ĝi konvinkus ilin, ke ekzistas nur unu solvo, por per unu bato distranĉi la „Gordios-an nodon" de la diverslingveco, nome la akcepto de Esperanto por ĉiuj, unue por la nova generacio en niaj lernejoj. Helpu, distranĉi la nodon!

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 2.

## Skemo por rubriko A: (por gekolegoj).

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto"; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kia-grada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.
La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

# A

**N-ro 30.**
1. Innokentij Berdenikov 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) ŝkola Buĥarina b) stacio Mineralni Vodi c) Kaukazio d) Rusujo 5. gekolegoj el Anglujo, Germanujo, Ameriko 6. ĝeneralaj temoj rilate la lernejon 7. ŝanĝos ĵurnalojn kaj ilustritajn poŝtkartojn.

**N-ro 31.**
1. Walter Etzold 2. instruisto? 3. 43-jara 4. a) Hamburgerŝtrasse 26,III,l. b) Leipzig C. 1 c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. vivreformoj (alkohol-, tabak- kaj viandkontraŭeco) 7. —

**N-ro 32.**
1. Bazilo Golubev 2. instruisto de matematiko en lernejo de II-a ŝtupo (mezlernejo) 3. 39-jara 4. a) Oktjabrskaja 15 b) Kuvŝinovo c) Pjeva distrikto, Smolenska gub. d) Rusujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. instruista vivo, matematiko, muziko 7. interŝanĝas esperantaĵojn, pedagogiajn gazetojn, kantojn kaj kantarojn kun notoj.

**N-ro 33.**
1. František Holešovsky 2. fakinstruisto en la burĝa (pli alta) lernejo 3. 25-jara 4. a) ? b) Oslavany c) Morava d) Ĉeĥoslovakujo 5. tutmondaj geinstruistoj aŭ geesperantistoj 6. literaturo, desegno de lernantoj kaj belartoj 7. —

**N-ro 34.**
1. Sam Jansson 2. estro de gimnazio (instruas lingvojn kaj literaturon 3. 53-jara 4. a) Skogen 23 b) Lidingö I d) Svedujo 5. kolegoj ĉiulandaj 6. laborplano, edukado, memregado, internaciemo 7. dialektoj, paleografio.

N-ro 35.

1. Einar F. Mansson 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. a) — b) Manserud c) — d) Svedujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo 7. —

N-ro 36.

1. J. Pawlonczak 2. instruisto de surd-mutuloj 3. ? 4. a) ul. Strzelecka 28-a b) Poznan c) — d) Polujo 5. tutmondaj samfakanoj 6. iu ajn temo 7. —

N-ro 37.

1. N. Ŝĉegolev 2. instruisto en popollernejo (SAT-ano kaj junkomunisto) 3. 19-jara 4. a) Gogolevska 162 b) Barnaul c) Siberio d) Rusujo 5. germanaj kaj anglaj geinstruistoj (por lerni la lingvojn) 6. lingvaj demandoj, prefere instruado de Esperanto 7. —

N-ro 38.

1. Viktorov-Ĉeñoviĉ D. V. 2. lektoro-instruisto de rusa lingvo kaj literaturo en II-a grada VIa laborlernejo 3. 41-jara 4. a) Klovski Spusk 2 b) Kiev c) Ukrainio d) Rusujo 5. ĉiuj interesaj homoj de la tuta mondo 6. ĉiuj interesaj temoj 7. deziras ricevadi esperantaĵojn kaj diversajn aĵojn por ekspozicioj (bildojn, pentraĵojn, afiŝojn, plakatajn, intern. gaz., p. i., fotojn, librojn, insignojn, manlaborojn, kuriozaĵojn ktp.) Rekompence: „sovetaĵojn" kaj „ukrainaĵojn".

N-ro 39.

1. Gotthilf Gypser 2. instruisto en popollernejo 3. 50-jara 4. a) Taltitzerstrasse b) Oelsnitz i. V. c) Saksujo d) Germanujo 5. ĉiuj landoj 6. pedagogio, filozofio, sociologio 7. —

N-ro 40.

1. Kurt Hofmann 2. instruisto en popollernejo 3. 33-jara 4. a) Felgenhauerstr. 63 b) Riesa-Elbe c) Saksujo d) Germanujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. muziko kaj kantado en la popollernejo 7. —

N-ro 40a.

1. Kurt Hofmann 2. instruisto en popollernejo 3. 33-jara 4. a) Felgenhauerstr. 63 b) Riesa-Elbe c) Saksujo d) Germanujo 5. tutmondaj blindulgeinstruistoj 6. la temo „Esperanto inter la blindularo" (prec. Esperanto-instruado en blindullernejoj, blindulkongresoj kaj Esperanto, blindulskribaĵoj en Esperanto) (literaturo, gazetoj ktp.) 7. —

N-ro 41.

1. Wolfgang Wille 2. instruisto en popollernejo 3. 36-jara 4. a) Gartenstrasse 29 b) Oelsnitz i. V. c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj de ĉiuj landoj 6. ĉiu temo 7. —

N-ro 42.

1. Erich Wohlrab 2. instruisto en popollernejo 3. 35-jara 4. a) Lauterbacherstr. 5 b) Oelsnitz i. V. c) Saksujo d) Germanujo 5. nur kun eŭropaj gekolegoj 6. elementa instruado, popolkutimoj ktp. 7. —

N-ro 43.

1. ? Resport 2. profesoro 3. ? 4. a) ? b) Stryj c) ? d) Polujo 5. geinstruistoj de naturscienco 6. instrumetodoj kaj natursciencaj ekzercoj en mezlernejoj 7. —

N-ro 44.

1. A. Dzeivers 2. instruisto ? (Ĉe-kursano) 3. ? 4. a) Dzirnavu iela 157 dz. 1 b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. nova eduko kaj metodoj de lernejaj kursoj 7. —

N-ro 45.

1. M. Jurjans 2. instruistino ? (Ĉe-kursanino) 3. ? 4. a) Brivibas iela 36 dz. 9 b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. plej diversaj temoj 7. —

N-ro 46.

1. O. Nilson 2. instruistino ? (Ĉe-kursanino) 3. ? 4. a) Dzirnavu iela 12-14, Skolotaju maja b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. natursciencoj ktp. 7. —

N-ro 47.

1. M. Otters 2. instruistino ? (Ĉe-kursanino) 3. ? 4. a) Zvaigznu iela 25 dz. 22 b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. plej diversaj temoj 7. —

**N-ro 48.**

1. E. Ziedinŝ 2. instruistino ? (Ĉe-kursanino) 3. ? 4. a) Grobinas iela 2 dz. 11 b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. plej diversaj temoj 7. —

**N-ro 49.**

1. P. Zvagulis 2. instruisto ? (Ĉe-kursano) 3. ? 4. a) Pils iela 5 dz. 6 b) Riga d) Latvujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. plej diversaj temoj 7. —

**N-ro 50.**

1. Chang Ching-Chin (Virgil Ĉan) 2. instruisto en Lin-Ven Asocio 3. ? 4. a) Chin-yin-an-han (lane) Ching-hung street Nr. 8 b) Yunnanfu c) ? d) Ĉinujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. iu ajn temo 7. deziras ankaŭ korespondantojn por sia klaso, sed ne faris iun ajn sciigon pri ĉi tio.

**N-ro 51.**

1. Aadu Kollamaa 2. instruisto en la 6-a klaso de elementa lernejo 3. 29-jara 4. a) Postkast 10 b) Veltsa algkool c) ? d) Estonujo 5. gekolegoj de Sud-Eŭropo, Ameriko, Azio, Afriko, Aŭstralio 6. pedagogio, fotografio, radio, naturo, geografio 7. kolektas mineralojn kaj fotografaĵojn de aliaj landoj.

**N-ro 52.**

1. Florentyn Kotlinski 2. instruisto en popollernejo 3. 30-jara 4. ? b) Piaski k. Lublina c) ? d) Polujo 5. geinstruistoj el ĉiuj partoj de la mondo 6. moderna instruo 7. ŝanĝas esperantistajn, pedagogiajn kaj porinfanajn gazetojn.

**N-ro 53.**

1. Blenda Persson 2. instruistino? 3. ? 4. a) Bruksgatan 5 b) Höganäs c) ? d) Svedujo 5. gekolegoj en ĉiuj landoj 6. iu ajn temo 7. —

**N-ro 54.**

1. Felix Primetzhofer 2. instruisto en popollernejo 3. 26-jara 4. a) — b) vilaĝeto Neustift bei Grossraming c) Ober-Oesterreich d) Aŭstrujo 5. gekolegoj en ĉiuj landoj 6. Esperanto, instruado en la lernejo, vivo en eksterlando 7. deziras kolekti poŝtkartojn ilustritajn kaj kolekti kajerojn de eksterlandaj geknaboj en popollernejoj.

## Skemo por rubriko B: (por gelernantoj).

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto“, kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.

Al 3. Nepre necese!

Al 4. Vidu al 2.!

Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj“.

Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

# B

**N-ro 19.**

**Germanujo** 1. Freiberg (Saksujo) 2. realgimnazio (mezlernejo) 3. 10 knaboj, lernantaj ankaŭ anglan kaj latinan lingvojn 4. 14—15-jaraj 5. samaĝaj geknaboj el ĉiuj landoj, pref. Anglujo, Svedujo, Japanujo, Grekujo 6. plej diversaj temoj, interŝanĝo de p. k. kun tipaj bildoj kaj ilustraĵoj, p. m. 7. Esperanto-klaso de studkonsilisto E. Hölscher, Freiberg i. Sa., Sachsenhofstr. 10, Germanujo.

**N-ro 20.**

**Rusujo** 1. Barnaul (Siberio) 2. Esperanto-rondeto, lernantoj kaj anoj de pedagogia teknikumo 3. ? 4. ? 5. alilandaj gelernantoj 6. plej diversaj temoj 7. instruisto N. Ŝĉegolev, Gogolevska 162, Barnaul (Siberio), Rusujo.

**N-ro 21.**

**Rusujo** 1. Kiev, ul. Vorošilova 2. TrudŜkola No. 43, Esperanto-kruĵok (laborlernejo al geinfanoj) 3. 25 gelernantoj (13 knaboj kaj 12 knabinoj) de 5., 6. kaj 7. klaso 4. 14—16-jar. 5. popolaj lernejoj, pref. el la plej malproksimaj landoj 6. foto, radio, naturamikoj, interŝanĝo per desegnaĵoj, priskribo de lerneja vivo kaj simila.

**N-ro 22.**

**Rusujo** 1. Kuvŝinovo (Smolenska gub.) 2. 9-jara urba lernejo kun 1200 gelernantoj 3. ĉiuj 1200, kolektive, po klasoj (ĉiu klaso aparte) (ankaŭ individue) 4. 9—17-jar. (montru grupon!) 5. gelernantoj ĉiulandaj 6. lerneja vivo, popolaj kutimoj ktp., ŝanĝas P. I. 7. instruisto Bazilo Golubev, Kuvŝinovo, Smolenska gub., (Lernejo) Ŝkola II Ŝt.

**N-ro 23.**

**Svedujo** 1. Stockholm 2. gimnazio Beskow 3. 10 junuloj 4. 15—18 jar. 5. samaĝaj 6. ĉio 7. rektoro Sam Jansson, gimnazio Beskow, Stockholm, Svedujo.

**N-ro 24.**

**Svedujo** 1. Manserud 2. Manseruds folkskola (popollernejo) 3. ? lernantinoj 4. ? 5. gelernantoj ĉiulandaj 6. plej diversaj temoj 7. instruisto Einar F. Mansson, Manseruds folkskola, Manserud, Svedujo.

**N-ro 25.**

**Rusujo** 1. Kiev, Gorovica 2 (Ukrainio), VIa Trud-ŝkola Esperanto 2. Esperanto-rondeto ĉe la VIa laborlernejo (II-a grada) 3. 15 lernantoj kaj 15 lernantinoj 4. 10—17 jaraj 5. ĉiuj landoj 6. deziras interŝanĝi p. i., intern. gaz., pentraĵojn, p. m., monbiletojn, manlaborojn ktp. 7. instruisto D. Viktorov-Ĉeĥoviĉ, Klovski Spusk 2, Kiev (Ukrainio) Rusujo.

**N-ro 26.**

**Latvujo** 1. Riga 2. lernantoj-komencantoj 3. ? 4. 14—20 jaraj 5. tutmondaj gelernantoj 6. plej diversaj temoj 7. instruisto G. Tupicin, Ŝvarcmuizas iela 10 dz. 12, Riga, Latvujo.

**N-ro 27.**

**Aŭstrujo** 1. Neustift bei Grossraming (Ober-Oesterreich) 2. Esperanto-kurso por 7 geknaboj de la popollernejo 3. 4 knaboj kaj 3 knabinoj 4. 10—12-jaraj 5. geknaboj en ĉiuj landoj 6. poŝtkartoj ilustritaj 7. instruisto Felix Primetzhofer, Neustift bei Grossraming (Ober-Oesterreich), Aŭstrujo.

**N-ro 28.**

**Aŭstrujo** 1. Wels (Ober-Oesterreich) 2. duaklasa komerclernejo 3. 20 gelernantoj 4. ? 5. gelernantoj en ĉiuj landoj 6. iu ajn temo 7. komerclerneja profesoro F. Paar, Wels (Ober-Oesterreich), Aŭstrujo.

**N-ro 29.**

**Estonujo** 1. Veltsa 2. elementa lernejo, 6-a klaso 3. grupeto de gelernantoj (ĉirkaŭ 10 personoj) 4. 10—15-jaraj 5. gelernantoj de Sudlando, Afriko, Azio kaj Ameriko 6. vidaĵbildoj, kolektas mineralojn kaj kreskaĵojn 7. instruisto Aadu Kollamaa, Postkast 10, Veltsa algkool, Estonujo.

**N-ro 30.**

**Germanujo** 1. Leipzig (Saksujo) 2. 57-a popollernejo 3. 30 gelernantoj 4. 13-jaraj 5. gelernantoj ĉiulandaj 6. ĉio 7. lernejestro Hermann Schneller, 57. Volksschule, Friedrich-Ebert-Strasse 51, Leipzig W 35 (Saksujo), Germanujo.

**N-ro 31.**

**Rusujo.** Esperanto rondeto, stacio Mineralni Vodi, ŝkola Buĥarina, Rusujo, deziras korespondi kun rondetoj el Anglujo, Germanujo, Ameriko pri la plej diversaj temoj. Peranto: instruisto Innokentij Berdenikov, ŝkola Buĥarina, stacio Mineralni Vodi, Rusujo.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la 1-an liston, bonvolu ĝin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

---

## La venonta numero aperos la 1-an de marto.







Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.